La projektojn de la regularo ellaboris s-oj Maréchal kaj Frenkel, el kiuj la projekto de s-o Frenkel estis publikigita en la franca gazeto „Le Nord Pédagogique“, kiun s-o Durieux dissendis al 60 geinstruistoj, kiuj sciigis al li siajn adresojn. Poste mi ellaboris, kun mia kolego Krumpholc, la trian projekton, akceptinte la ĉefajn punktojn de ambaŭ projektoj jam prezentitaj kaj tiu nova projekto servis kiel fundamento por la diskutado pri la regularo definitiva, kiu estis poste akceptita en Dresden.

Dum la IV-a kongreso esperantista en Dresden (1908) oni jam pli bone zorgis pri la aranĝo de niaj kunsidoj, pri kio la ĉefa merito apartenas al s-o K. Schönherr, instruisto en Dresden. Li publikigis jam antaŭ la kongreso „Alvokojn al instruistoj“ en gazetoj esper. kaj zorgis ankaŭ pri la programo por la kunsidoj. La programo, fiksita antaŭ la kongreso, enhavis la sekvantajn punktojn: 1. Malfermo de la kunsido. 2. Elekto de la estraro. 3. F. Durieux: Esperanto kaj lernejoj en Francujo, precipe en Lille. 4. Legado de la regularo. Interparolado kaj decidoj pri ĝi. 5. Th. Čejka: „Internacia Pedagogia Revuo“ kaj ĝia signifo por la tutmonda instruistaro. 6. Th. Čejka: Rezultatoj de unujara ekzisto de la „Instruista Rondiranto“ kaj ĝia tasko estonta. 7. F. Maréchal: Pri metodoj, laŭ kiuj lernigi Esperanton. 8. K. Schönherr: Leciono kun kelkaj geknaboj. — (La programo, bedaŭrinde, ne povis esti plene elĉerpita pro multaj kaj longaj diskutadoj, kiujn oni erare enportis en la kunsidojn de instruistoj profesiaj).

En Dresden okazis 4 kunsidoj de instruistoj, dum kiuj ĉeestis ĝis 200 personoj, inter kiuj estis reprezentantoj de geinstruistoj el Anglujo, Aŭstrio, Belgujo, Bohemujo, Francujo, Germanujo, Hungario, Moravio, Nederlando, Norvegujo, Polujo, Rumanujo, Rusujo, Serbujo, Siberio, Skotlando, Svedujo kaj Tunisio. — Ĉiuj kunsidoj okazis en la Teknika Lernejo (Technische Hochschule).

En la unua kunsido (lundo, la 17. VIII. 1908) prezidis prof. Maréchal; apud li s-oj Frenkel, Durieux, Čejka, anoj de la provizora komitato. — Prof. Maréchal rememorigas, kion oni faris en Cambridge kaj ankaŭ kion faris la provizora komitato. Poste li tralegis la rezultan projekton de la regularo, ellaboritan de Th. Čejka. Relegante tiun projekton, artikolon post artikolo, oni diskutis ĉiun artikolon aparte kaj interkonsento pri la definitiva regularo estis atingita tre facile. La definitiva kaj de la kunsido akceptita regularo de la I. A. I. estas jena:

## Regularo

## de la Internacia Asocio de Instruistoj (I. A. I.).

I. La „Internacia Asocio de Instruistoj“ celas: 1. Propagandi Esperanton inter geinstruistoj. 2. Propagandi Esperanton inter gelernantoj. 3. Helpi la alproksimiĝon de instruistoj kaj lernantoj de diversaj landoj kaj nacioj. 4. Per internaciaj rilatoj helpi la disvolviĝon kaj solvon de pedagogiaj kaj profesiaj demandoj. 5. Eldonadi aŭ helpi eldonadon de gravaj verkoj pedagogiaj kaj libreto por gejunularo ktp.

II. La ĉefaj rimedoj de la I. A. I. estas: 1. Oficiala organo. 2. Gazeto por gejunuloj. 3. Periodaj propagandaj alvokoj al diversnaciaj instruistoj-neesperantistoj. 4. Organizado de korespondado kiel inter instruistoj tiel inter lernantoj. 5. Organizado de vojaĝoj de instruistoj kaj lernantoj al fremdaj landoj. 6. Aranĝado de internaciaj kolonioj en diversaj landoj, kie la instruistoj kaj lernantoj povus pasigi la libertempon. 7. Publikigado de l'adresoj de instruistoj kaj lernantoj, dezirantaj korespondadi. 8. Eldonado de gravaj libroj pedagogiaj kaj libroj por gejunularo.

III. Ĉiu persono, societo aŭ gazeto, deziranta kunlabori por la celoj de la I. A. I. aŭ iel ĝin helpi, povas fariĝi ĝia membro. La peton por la akcepto oni devas sendi al la estraro de la I. A. I. — Post la enpreso de la nomo de kandidato en la oficiala organo, la kandidato estas akceptita. Membro de la I. A. I. povas esti eksigita nur per la ĉiuvoĉa decido de la komitato; en la okazo kontraŭa — nur per la kunveno ĝenerala.

IV. Ĉiu asociano pagas ĉiujare kotizon 1 Spesmilon, se la ĝenerala kunveno ne decidos alie. La kotizaĵo rajtigas ĉiun membron ricevadi senpage oficialan organon kaj rabate la aliajn eldonaĵojn de la I. A. I. ktp.

V. Krom la ordinaraj membroj de la I. A. I. estas: 1. Propagandu loj, kiuj pagas ĉiujare almenaŭ 4 Sm.; 2. donaculoj, kiuj pagas ĉiujare almenaŭ 10 Sm. — La titolon „membro honora" povas doni la ĝenerala kunveno laŭ la propono de la komitato. Tiuj ĉi membroj ne pagas kotizaĵon kaj rajtas ricevadi senpage la oficialan organon de la Asocio.

VI. La I. A. I. akceptas dankeme ĉiujn donacojn, kiuj helpas ĝian agadon.

VII. La budĝeta periodo daŭras de unu universala kongreso esperantista ĝis la sekvanta.

VIII. Ĉiu membro nepaginta sian kotizaĵon, eĉ ne post admono, dum unu jaro, estas konsiderata kiel eksiĝinta.

IX. La I. A. I. estas administrata de la komitato, kiu devas esti kiel eble plej internacia. Ĝi estas balotata por 3 jaroj en la ĝenerala kunveno. La komitato renoviĝas po unu triono de la membroj ĉiujare. La membroj elirantaj estas reelekteblaj. La ĝenerala kunveno elektas krom la komitatanoj la saman nombron da anstataŭontoj.

X. La komitato balotas sian estraron, kiu konsistas el prezidanto, 2—3 vicprezidantoj, ĝenerala sekretario, 2 sekretarioj, kasisto. — Estraro de la komitato estas ankaŭ estraro de la I. A. I.

XI. La kunveno ĝenerala okazas ĉiujare dum la universala kongreso esperantista kaj en la sama kongresejo.

XII. La kunveno ĝenerala ricevas raportojn kaj ĉiujn komunikaĵojn de la komitato, aprobas la kontojn kaj diskutas pri la demandoj rilataj al la funkciado de la I. A. I. — La kunveno ĝenerala balotas per sekreta voĉdono la komitatanojn laŭ la pli-

multo de esprimitaj voĉoj. La voĉdono per la letero estas permesata. — La kunveno ĝenerala povas ankaŭ konsiliĝi pri la ŝanĝoj en tiu ĉi regularo, sed nur laŭ la propono farita de la centra komitato aŭ de almenaŭ 50 asocianoj. — La ŝanĝo de la regularo estas akceptata, nur se ĝi estis aprobita almenaŭ de tri kvaronoj de la voĉdonintoj, prezentantaj unu trionon de la asocianoj. — La kunveno ĝenerala organizas ankaŭ la bezonajn sekciojn laborajn.

XIII. En la okazo de la finiĝo de la I. A. I. decidos la ĝenerala kunveno pri la uzo de la havo (kapitalo).

Dum la dua kunsido (merkredo, 19. VIII.) prezidis Dro E. Boirac kaj poste prof. Maréchal. Sekretario dum la kunsido: Th. Čejka. — En tiu ĉi kunsido estis elektita la komitato de la I. A. I. kaj ĝia estraro (prezidanto, 3 vicprezidantoj, sekretario, kasisto) La elektita komitato estas: *Dro E. Boirac*, rektoro de la universitato el Dijon en Francujo (honora prezidanto), *Théophile Cart*, profesoro de la universitato en Paris (prezidanto), *F. Maréchal*, profesoro el Leeds en Anglujo, *frl. de Chalnet* el Haag en Nederlando kaj *Romano Frenkel*, inspektoro de gimnazio el Enisejsk en Siberio (vicprezidantoj), *F. Durieux*, direktoro de lernejo el Lille en Francujo (sekretario), *Theodor Čejka*, instruisto el Bystřice-Hostýn en Moravio (kasisto), *F. Avilov*, estro de reala lernejo el Kars en Rusujo, inĝ. *Everardo Backheuser*, profesoro de politeknika lernejo el Rio de Janeiro en Brazilio, *Dro W. Clark* el Arborfield en Anglujo, *K. Schönherr*, instruisto el Dresden en Germanujo kaj *Otto Simon*, profesoro de gimnazio el Wien en Aŭstrio. — Poste sekvis longaj diskutadoj pri la „Internacia diplomo de kapableco instrui Esperanton". Fine oni deklaris, ke decidi la aferon ne apartenas al la I. A. I., ĉar la diskutita demando staras ekster la kompetenteco de la I. A. I.

Pri la tria kaj kvara kunsidoj (vendredo, 21. VIII. kaj sabato, 22. VIII.) raportas sube la sekretario de la I. A. I. s-o F. Durieux.

*Th. Čejka.*

*

**Speciala kunveno de la Internacia Asocio de Instruistoj.** Prezidas prof. Maréchal, raportas F. Durieux, la kunvenon aranĝis K. Schönherr. Ĉeestis ĉirkaŭ 170 geinstruistoj. La tagordo: I. Parolado de F. Durieux (Francujo) pri Esperanto en la lernejo. II. Praktika leciono pri Esperanto de K. Schönherr (Germanujo). III. Pri maniero instrui Esperanton al nenion sciantaj de F. Maréchal (Anglujo).

I. Parolado de s-o Durieux. La parolado de s-o Durieux estis grava kaj preskaŭ oficiala, ĉar lia kompetenta estro skribe aprobis la tekston. Li diris, ke homo, kies metio estas forĝi spiritojn, neniam estos perfekta laboristo, se ĝi konas nur sian propran spiriton, eĉ se ĝi nur konas sian nacian spiriton. S-o Durieux parolis ankaŭ pri la pedagogia valoro de Esperanto por instrui naciajn lingvojn kaj montris rezultatojn atingeblajn en knaba klaso, kie, kiam eble, la instruisto parolas Esperanton. Fine li detale klarigis la organizadon de la esperanta instruado en la oficialaj lernejoj de sia urbo Lille.

II. Leciono de s-o Schönherr. S-o Schönherr faris lecionon tre aplaŭditan post finiĝo. Li uzis muran bildegon laŭ la metodo de Delmas. Tre praktike, paroliginte la infanojn, li montris bonan manieron doni lecionon. Aplaŭdadoj montris al s-o Schönherr, ke la ĉeestantoj lin dankas pro iniciativo, intereso, utilo.

III. Leciono de s-o Maréchal. S-o Maréchal kun rimarkinda facileco montris, kiamaniere oni povas uzi la metodon de Gouin kontraŭ lernantoj, kiuj scias nenion pri Esperanto.

Post tiuj lecionoj komencis interesa diskutado pri diversaj metodoj kaj procedoj instrui Esperanton, nome pri la plej bona maniero meti demandojn al infanoj. En tiu diskutado partoprenis s-oj Warnier (Paris), Nerson (Paris), Maréchal (Anglujo), Germain (Francujo), Fischer (Rumanujo), Schönherr (Germanujo), Frenkel (Siberio), Durieux (Francujo) kaj aliaj, kies bedaŭrinde nek nacieco nek nomo estas konataj de la sekretario.

S-o Warnier, ekzemple, demandis, kial oni ne metas la demandojn rekte nur al unu lernanto. S-o Durieux diris: Jen estas kiel oni faras ĉe ni. La instruisto metas ĝeneralan demandon. Li lasas momenteton por pripensi kaj demandas: „Kiu scias?“ La sciantoj levas manon kaj nur tiam la profesoro montras la respondanton. Tiel ĉiuj infanoj estas instigataj atenti la lecionon. — Tiu farmaniero ricevis plimultan aprobon. — S-o Frenkel rimarkigis, ke la ĵus faritaj lecionoj montras facilecon de Esperanto. La infanoj kvazaŭ sentas la spiriton de la lingvo. Rimarkinde estas, ke ili ne faris eraron en la uzado de l'akuzativo.

*Aliaj fakoj.* S-oj Deshays kaj Nerson petis, ke oni legu la decidon de la antaŭa kunsido de instruistoj pri „Internacia diplomo“. Tiun decidon oni ne legis en la lasta Agada kunsido. Eble la ĉeestantoj kredas, ke ne estas akordo inter la instruistoj kaj la aliaj profesoroj de Esperanto, kiuj preskaŭ ĉiuj deziras internacian diplomon. Oni decidis, ke s-o Maréchal klarigu en la venonta Agada kunsido, ke I. A. I. ne estas kontraŭ la Universala Esperanto Asocio (U. E. A.), kiu deziras starigi internacian ateston. — S-o Clark (Anglujo) parolis longe pri tiu demando. Fine oni akceptis la jenan deklaron, proponitan de s-o Frenkel kaj transdonitan ĉe la sekvinta Agada kunsido: „La I. A. I., kiel profesia societo restas ekster la demando pri la „Instituto Internacia“ kaj ripetas sian unuan deklaron. Tamen, ĉar la internacia diplomo estas alprenita de la kongreso, ni kiel esperantistoj, devas submetiĝi al ĝia decido. La I. A. I. ne estas kontraŭa al Instituto, sed esprimas la deziron, ke neniu instituto havu monopolon en la aljuĝo de la diplomoj“. (Aprobita ĉiuvoĉe).

Fine s-o Čejka, kasisto, kolektis kotizaĵojn (1 Sm. por 1 jaro) de asocianoj. Pli ol 70 tuj pagis. Oni decidis antaŭ disiĝo, ke la unua kajero de la perioda „Internacia Pedagogia Revuo“, oficiala organo de la I. A. I., eliru kiel eble plej baldaŭ. S-o Čejka estis komisiita per la direktado kaj eldonado de la „I. P. Revuo“.

*F. Maréchal,*
prezidanto de la kunsido.

*F. Durieux,*
sekretario.

**Membroj de la I. A. I.,** kiuj aliĝis ĝis la 10. XI. 1908 kaj pagis la kotizaĵon 1 Sm. por unu jaro (escepte la honorajn

membrojn s-oj Dro Zamenhof kaj Dro Boirac): 1. S-o Cart, Franc., 2. Frenkel, Siberio, 3. Maréchal, Angl., 4. Durieux, Franc., 5. Čejka, Moravio, 6. Simon, Aŭstrio, 7. Krumpholc, Mor., 8. Grňa, Mor., 9. Holub, Mor., 10. Otruba, Mor., 11. Jovanovič, Serbujo, 12. Jelínek, Boh., 13. Zlatník, Boh., 14. Drudin, Fr., 15. Rockmann, Germ., 16. frl. Bonnet, Fr., 17. s-ino Guivy, Fr., 18. Backheuser, Brazilio, 19. Maresquelle, Fr., 20. Tétaud, Fr., 21. Schwarz, Boh., 22. Fricke, Germ., 23. Caron, Fr., 24. Laŭrenti, Ital., 25. B. Böttcher, Germ., 26. Lueders, Usono. 27. Schönherr, Germ., 28. Ökland, Norveg., 29. s-ino Schafer, Angl., 30. frl. de Chalnet, Nederl., 31. Gartelmann, Germ., 32. Pudritzki, Germ., 33. Dro Nitz, Germ., 34. Dro Clark, Angl., 35. Stuart-Menteath, Angl., 36. Pointer, Angl., 37. Čížek, Boh., 38. Gill, Angl., 39. Bonnet, Fr., 40. Fischer, Ruman., 41. frl. Thorpe, Angl., 42. Hammarlund, Sved., 43. Bickell, Angl., 44. Koziara, Polujo, 45. Cayeux, Fr., 46. Osw. Böttcher, Germ., 47. Böhme, Germ., 48. Glück, Aŭstrio, 49. frl. Lawrence, Angl., 50. Jeníček, Boh., 51. Combet, Tunisio, 52. frl. Roux, Fr., 53. Medgyesi, Hungario, 54. Deligny, Fr., 55. A. Germaine, Fr., 56. Avilov, Rus., 57. Nerson, Fr., 58. Fafet, Fr., 59. H. Germaine, Fr., 60. Dro Kabanov, Rus., 61. Dro Rohrbach, Germ., 62. Browne, Angl., 63. Richardson, Belg., 64. Bezděk, Mor., 65. Maxwell, Skotlando, 66. Satterley, Angl., 67. Beuve, Fr., 68. Deshays, Fr., 69. frl. O'Brien, Angl., 70. Dro Mouton, Fr., 71. s-ino Durieux, Fr., 72. Benoit, Fr., 73. s-ino Marsat, Fr., 74. s-ino Baudelle, Fr., 75. frl. Richez, Fr., 76. frl. Leprêtre, Fr., 77. Alferi, Boh., 78. Mazzolini, Ital., 79. Lundqvist, Sved., 80. Kaszycki, Galicio, 81. Anfroy, Fr., 82. Tenora, Mor., 83. frl. Delannoy, Fr., 84. Ingelaere, Fr. 85. Gluchoski, Polujo.

## Internacia oficejo por instruantoj de Esperanto.

Laŭ la propono de s-o H. Fischer el Galatz (Rumanujo) la kunvenintaj subskribintoj organizis internacian oficejon por instruantoj de Esperanto, kies agado estos interŝanĝo kaj interdiskutado pri la manieroj uzataj de diverslandanoj en la instruado: agado farota kun la bonvole promesita subteno de Dro L. Zamenhof.

La nun fondita „Internacia Asocio de Instruistoj" volas korespondadi kaj diskutadi pri ĉiuj profesiaj fakoj ekz. matematiko, ĥemio, pedagogio ktp., uzante la lingvon Esperanto kiel interkompreniĝilo kaj havante ankaŭ fakon por la instruado de Esperanto al infanoj kaj gestudentoj de publikaj lernejoj.*

La „Internacia Instituto de Esperanto" (I. I. E.), fondita de s-o Privat, celas starigon de normalaj lernejoj de Esperanto, preparadon de specialaj instruistoj por Esperanto kaj eldonon de atestoj pri kapableco.

Mankis ĝis nun, en la grava tempo de propagando, ilo por la granda aro de instruantoj, kiuj ne estas profesiaj instruistoj, sed

* S-o sekretario ĝis nun ne havis okazon legi la regularon de la I. A. I. kaj tial lia raporto en kelkaj punktoj, kiuj rilatas al I. A. I., estas iom erara. — Rim. de la red.

korege volas kunlabori en la disvastigo de nia lingvo; ilo, kiu obligos al ili informi sin pri la plej bonaj manieroj de instruado aŭ pri maniero de klarigo de iu parto de la gramatiko ktp. Tiu ĉi ilo volas esti la nun fondita *„Internacia Oficejo de la Instruantoj de Esperanto“* (I. O. I. E.). Sed tiu ĉi Oficejo ne estos societo kun speciala estraro kaj regularo, nur akceptejo kaj transdonejo de ricevitaj demandoj kaj de kolektitaj respondoj. La aro de la anoj mem estos la Oficejo, kies reprezentantoj laboros nur por ebligi la plej rapidan interŝanĝon de la demandoj kaj respondoj.

La organo de la Oficejo estos la gazeto de la I. A. I., kiu bonvole rezervos por niaj demandoj, cirkuleroj ktp. specialan fakon.

Ĉar la tuta agado de la Oficejo estos farata de la anoj mem, oni ne bezonos grandan budĝeton kaj oni fiksis kiel jaran kotizon nur ½ Sm. kiel antaŭpago por la necesaj elspezoj. Nature nur la anoj, kiuj pagis tiun ĉi kotizaĵon, estas rajtigitaj fari demandojn kaj proponi diskutadojn pri la maniero de instruado. Por ebligi al la Oficejo labori tre rapide, la tasko estas partigita tiamaniere, ke ekzistos unu Centra Oficejo por Eŭropo, Azio kaj Afriko, alia Oficejo por Ameriko kaj Aŭstralio (Oceanio).

La oficestraro konsistas el s-o H. Fischer, Galatz (Rumanujo) por Eŭropo, s-o Lewis B. Lueders, Philadelphia (Penna, U. S. A.) por Ameriko kaj s-o Julius Glück, Wien VI./1, Dürergasse 19 (Aŭstrio) kiel sekretario por la korespondado kaj klarigo al interesuloj ktp.

Inter la anoj troviĝas: rektoro Boirac, prof. Cart, Grabowski, Dro Bein, prof. Bourlet, G. Moch, R. de Saussure, H. F. Höveler, E. Privat, prof. O. Simon, red. J. Schröder, Dro Mybs, Dro Kroita, pastro Schneeberger, F. Hodler, Dro Schramm, Th. Čejka k. a.

Laŭ la invito de s-o Privat la Oficejo delegis sian anon prof. Cart por raporti al la „Internacia Instituto de Esperanto“ pri la agado de la nun fondita Oficejo. Laŭ tiu ĉi raporto povas la I. A. I., la I. I. E. kaj la nun fondita I. O. I. E., kunlaborante kaj subtenante sin reciproke, helpi bonege la disvastigon de la lingvo internacia per instruado, ĉiu irante sian vojon, sed tamen celante la samon: pligrandigo de la esperantistaro. Dum ĉiu kongreso oni aranĝos diskutadojn pri diversaj manieroj de instruado kaj certe tiu ĉi interŝanĝo helpos multe la perfektigon de tiu ĉi ĝis nun ankoraŭ ne sufiĉe prilaborita fako.

*H. Fischer*, estro por Eŭropo. *Lewis Lueders*, estro por Ameriko.

*Julius Glück*, sekretario.

## Literaturo.

Fr. Heger: *Tipoj de eŭropaj nacioj.* Eldonis Ed. Hölzel, Wien 1908. Prezo 20 K (8·33 Sm). — La konata firmo eldonista kaj artista Ed. Hölzel en Wien (Aŭstrio) eldonis por lerneja bezono la grandan atlason „Tipoj de eŭropaj nacioj“, pri kiu diras prof. J. Matiegka („Pedagogické Rozhledy“): Hodiaŭ oni jam ne povas

la eŭropajn naciojn portretigi ĝenerale per unu sola bildo „Ariano“ aŭ „Indoeŭropano“, kiel oni ĝis nun kutime faris, kaj por karakterizi la apartan nacion nun jam ne sufiĉas preni sole unu „tipon“. Jam en la tempo prahistoria ekzistis en Eŭropo kelke da tipoj gentaj; poste per la nova migrado de nacioj kaj per la konstanta, miljara intermiksado la cirkonstancoj etnologiaj en Eŭropo ankoraŭ plu komplikiĝis. Nur la antropologiaj esploroj dum la lastaj 50 jaroj bone klarigis tiujn komplikitajn cirkonstancojn. Ĝis nun ni ne havas resuman kaj facile atingeblan publikaĵon pri la etnologio de Eŭropo; kaj tamen estas bezone, ke oni povu havigi ankaŭ al lernantoj kaj al pli larĝa rondo de la publiko per taŭgaj helpiloj la klaran kaj ĝustan bildon. Tial estis malfacila, sed meritplena laboro, kiun entreprenis la firmo Ed. Hölzel, kiam ĝi eldonis sub la redaktado de la registara konsilanto Fr. Heger la verkon „Tipoj de eŭropaj nacioj“. Tiu ĉi fama specialisto akiris per siaj studoj kiel direktoro de la antropologia-folklorista sekcio ĉe la kortega muzeo en Wien kaj per siaj vojaĝoj tra ĉiuj partoj de la mondo tiujn spertojn, kiuj estas bezonaj por sukcesa efektivigo de tia verko. La akademia pentristo B. Beck faris la originalajn akvarelojn kaj la firmo Hölzel la polikroman, artiste faritan reprodukton. La verko enhavas sur 4 tabuloj (grandeco 73 × 98 *cm*) 32 karakterizajn reprezentantojn de diversaj eŭropaj nacioj. La aŭtoro ekkonis, ke per pli malgranda nombro da tipoj oni ne povas doni almenaŭ iom plenan impreson. La unua tabulo vidigas la naciojn precipe de lingva grupo romana, la dua germana, la tria slava kaj la kvara la pli izolitajn naciojn ceterajn. Francoj estas reprezentitaj per 3, italoj per 2, germanoj per 3 tipoj ktp. El slavoj estas reprezentitaj apud ĉeĥo (bohemo) ankaŭ slovako, poste polo, malgrandruso, blankruso, grandruso, montenegro kaj bulgaro . . . La elekto de la tipoj estas farita kun helpo de diversaj sciencaj institutoj kaj fremdaj specialistoj. Ĉe tio la aŭtoro iris laŭ ambaŭ science akcepteblaj vojoj: aŭ estis elektitaj la karakterizaj vizaĝoj de pli junaj personoj (30—40-jaruloj), kiuj iel vidigas la plej disvastigitajn signojn inter la popolo vilaĝana (ne urba!); aŭ estis uzita iel „meza“, laŭ la antropologie pruvitaj signoj komponita portreto (ekz. la tipo de „basko“ laŭ la komponaĵo de prof. Telefor de Aranzadi). La konciza teksto donas la plej bezonan klarigon. La bildaro kaj klarigo estis eldonitaj en kelkaj lingvoj. — *Th. Ĉ.* (Rim. de la redakcio: Kiu dezirus ricevi la verkon, sendu la monon al nia redakcio kaj ĝi jam zorgos pri la mendo).

## Revuo de Revuoj.

**Pedagogické Rozhledy.** (Pedagogia Revuo). Ĉeĥa (bohema) scienca revuo pedagogia, redaktata de universitata prof. Dro Fr. Drtina kaj aro da redaktoroj specialaj. Jaro XII, Nro 1-a, oktobro 1908, 104 pĝ. de leksik. form. — Eldonas „Dědictví Komenského“, societo de ĉeĥaj instruistoj por eldonado de verkoj pedagogiaj en Praha, Bohemujo. — ENHAVO: Artikoloj fundamentaj: Prof. *Fr. Krejčí*: La filozofio de L. N. Tolstoj. Prof. *K. Velemínský:* La revoluciulo en la pedagogio (al 80-a naskiĝtago de L. N. Tolstoj). Inspektoro *J. Pešek*: La praktika studo de la me-

todiko. *R. Sokol*: Fiziko energetika. Literaturaj analizoj: Biblioteko de pedagogiaj klasikuloj (redaktata de prof. Drtina). IV. Verkoj de Comenius II. de *Aug. Krejčí & J. V. Novák.* — *Gebaurová, Jirák, Reitler*: Lernolibro de historio por elementaraj lernejoj superaj. *Fr. Bednář & L. A. Hrázděra:* Teorio kaj metodiko de stilo produkta. *Fr. Heger*: Tipoj de eŭropaj nacioj. *E. Ledrer*: Geometrio por lernejoj metiaj. *Dro Heckmann*: Pri la koncentrado en la instruado. *L. Dlustuš:* La edukado ĉe antikvaj grekoj. *Fr. Walter:* Die sexuelle Aufklärung. *W. Rein*: Deutsche Schulerziehung. *W. H. Möller*: Die päd. Presse. Eduko nacia: Antaŭparolo de J. Černý. Lernejoj en landoj slavaj: *St Klíma*: La instruado ĉe slovakoj. Eduko religia: *E. Havelka*: Antaŭparolo. *St. Klíma*: La religio kiel rimedo edukada. Eduko estetika: *K. Wellner*: Mikuláš Aleš, pentristo ĉeĥa. — Monografioj: *J. Klíma*: Praktiko de la eduko estetika. *L. Gurlitt:* Schule u. Gegenwartskunst. Pedopsikologio: *V. Müller*: La observado de infanoj en la 1-a klaso de lernejo ekzerca. *J. Chudáček:* La pedopsikologia literaturo itala. — Monografioj: *R. Gaupp:* Psikologio de infano. *H. Dekker:* Naturgeschichte d. Kindes. *T. Jonckheere*: La science de l'enfant. *M. Verworn:* Zur Psychologie d. primit. Kunst. *H. Weimer:* Der Weg zum Herzen des Schülers. Pedopatologio: *Ch. Herfort*: Enkonduko al la studo de infanoj imbecilaj. *J. Mauer*: Zorgado pri infanoj imbecilaj en Ameriko. *Dro Kaufmann* pri la edukado de infanoj imbecilaj. *L. Miklas*: Die Hilfsschule. Zorgado pri la infanaro: *H. Minařík*: Kongreso de konsilantaroj por orfoj en Moravio. *J. Zeman*: La ekspozicio en Kroměříž. Landa komisio por la zorgado pri infanoj. *M. Alden*: Child life and labour. Zeitschrift für Krüppelfürsorge. Higieno lerneja: *V. Hüttel*: Influo de lernejo je la sano de infanoj. *A. Valenta*: Benkoj lernejaj II. — Monografioj: *Best*: Kurzsichtigkeit. *G. Poelchan*: Anleitung f. d. schulärztliche Tätigkeit. Revuo de gazetoj: Zeitschrift f. pädag. Psych., Pathol. u. Hygiene. — Monatschrift für höhere Schulen. — Škola našeho venkova. Notoj kaj informoj: Bulteno de „Dědictví Komenského" („Heredaĵo de Comenius", societo de ĉeĥaj instruistoj por eldonado de verkoj pedagogiaj. Ĉiujara kunveno). — „Jednota Komenského" („Unio de Comenius", societo por la reformado de lernejoj). — Prof. Fr. Krejčí (al 50-a naskiĝtago). — Jul. Paulus (†). — Kongreso de slavaj instruistoj en Praha. — Kurso de manlaboroj. — Ĉeĥa leksikono pedagogia. — Alvoko de la „Unio de Comenius"). *Th. Č.*

*

*Pro manko de spaco ni devis prokrasti multe da interesa materialo por la kajero venonta.*

*La redakcio.*

Redaktoro kaj eldonanto Theodor Čejka, Bystřice-Hostýn. — Presejo »Družstvo knihtiskárny«, Hranice, Moravio.

kaj dubas pri miaj vortoj, se mankas al mi la dokumentoj, per kiuj mi povus nerefuteble **pruvi** tion, kion mi parolas. — Prezentu al vi mian propagandon, se mi povas diri al miaj gekolegoj (ekz. en la kunveno): »Vidu, miaj gekolegoj, antaŭ kelkaj momentoj mi ricevis la 1-an Nron de »Internacia Pedagogia Revuo«, organo de la I. A. I. La revuo estas redaktata en Esperanto. Diversnaciaj kolegoj verkas por ĝi artikolojn pri diversaj temoj, kiuj koncernas nian profesion. Ili traktas en siaj artikoloj la demandojn, kiuj nun plej multe okupas la tutmondan familion geinstruistan. Krom tiuj artikoloj informaj vi vidas tie ĉi la artikolojn pri gravaj demandoj pedagogiaj, skribitaj de la plej bonaj specialistoj diversnaciaj. La revuo enhavas ankaŭ riĉajn ekstraktojn el ĉiunaciaj gazetoj pedagogiaj, kiujn verkis diversnaciaj kolegoj mem. En la fako »Korespondado« unu kolego el aŭstria pejzaĝo alpa proponas al kolego angla, ke li povas en lia hejmo pasigi senpage someran libertempon, se la angla kolego faros al li la samon en la jaro venonta. Kaj jen unu kolego el malriĉa vilaĝeto en norda kaj montara parto de Norvegujo petas siajn gekolegojn el landoj pli sudaj, ke ili sendu al li interŝanĝe por la malriĉaj kolektaĵoj de lia lernejo diversajn skarabojn, papiliojn, mineralojn kaj aliajn naturaĵojn, kiuj estas multaj kaj preskaŭ senvaloraj en iliaj landoj, sed ne tiel por landoj nordaj. Karaj gekolegoj, ĉu vi ankoraŭ pensas, ke Esperanto estas la afero por instruisto tute senvalora kaj neutila? k. t. p., k. t. p. . .« — Mi estas certa, ke mi vekos tiamaniere en multaj kolegoj scivolon kaj veran intereson por nia afero kaj ke ili fariĝos pli favoraj al Esperanto kaj pli emaj aliĝi al ni. Ĉu vi ne kredas? Ne kredu, sed **provu!** — Sed kiel aranĝu la aferon kolego tro juna aŭ tiu, kiu ne estas elokventa oratoro? Tre simple! Li skribu pri la samaj aferoj en la naciaj gazetoj, kiuj estas plej multe legataj de geinstruistoj. Kaj se mi ne scias verki la propagandajn artikolojn? Nu, tiam vi certe scias almenaŭ traduki diversajn artikoletojn el la revuo, pri kiuj vi pensas, ke ili povus esti interesaj por viaj gekolegoj. Sed en tiu ĉi okazo vi neniam forgesu fari la rimarkon, ke la artikolo estas tradukita el la esperanta revuo, kiu estas oficiala organo de la I. A. I. (kies jara kotizaĵo estas . . . diru vialandan monon, kaj kiun oni sendas al . . .), kiu estas redaktata de diversnaciaj kaj diverslandaj instruistoj k. t. p. El la 1-a Nro por la propagando estas plej taŭga la artikolo pri la I. A. I. Kiu ne scius skribi ĝin resume (mallonge), tiu nur bezonas sendi al mi poŝtmarkon por la respondo kaj mi tuj sendos al li pretan artikolon, kiun oni bezonas nur traduki en sian nacian lingvon kaj sendi al la redakcio de sialingva gazeto. — Karaj gekolegoj, kiu el vi ne povus propagandi nian aferon almenaŭ **unu**maniere? Mi kredas, ke plimulto de vi faros tion **ĉiu**maniere kaj tiam la celo estos trafita plej certe!

Al via propagando deziras plenan sukceson via kolego

*Th. Čejka.*

NB. Kompreneble, mi ĉiam kun granda plezuro akceptos la sciigojn pri viaj sukcesoj (se eble kun 1 ekz. de la presita dokumento!), kiujn vi atingis inter viaj samnaciaj gekolegoj. Kaj se vi scias ankoraŭ alian efikan manieron de propagandado, sciigu ĝin tuj per nia »telefono« al viaj aliaj kolegoj. Nuna tempo estas la tempo de propagandado! **Do ni propagandu!!**

## Adresaro de instruistoj kaj profesoroj.

Ni preparas por eldono a) Tutmondan Adresaron de geinstruistoj kaj geprofesoroj profesiaj kaj b) Tutmondan Adresaron de neprofesiaj geinstruistoj-esperantistoj. Tial ni petas ĉiujn, kiujn koncernas tiu ĉi afero, ke ili respondu al ni en ilia propra intereso la jenajn demandojn: 1. Via detala adreso: a) s-ro, s-ino aŭ f-ino? b) nomo familia kaj alnomo? c) profesio? d) urbo aŭ vilaĝo? e) strato? f) Nro de loĝejo? g) provinco, departemento, gubernio? h) lando? — 2. Nacieco? — 3. Al kia kategorio apartenas via lernejo? — 4. Kiujn objektojn vi instruas (demando precipe por fakaj aŭ specialaj instruistoj)? — 5. Kun gekolegoj el kiuj nacioj aŭ landoj vi deziras korespondi? — 6. Pri kio? — 7. Al kiu kaj per kio vi povas esti precipe utila? — 8. Speciala deziro. — **La respondojn skribu** sur ordinaraj poŝtkartoj (tion ni deziras pro teknikaj kaŭzoj). Ripeti la respondojn ne estas bezone; sufiĉas skribi la ciferon de la demando. — Ĉiuj enskriboj kaj sciigoj por la Adresaro estas **tute senpagaj**. — Ĉion sendadu al la red. de **Int. Ped. Revuo.**

Ekzemplo I-a (prenita el efektivaĵo): 1. S-o Krumpholc Josef, instruisto, Bystřice-Hostýn, str. Komenského, Nro 514, Moravio, Aŭstrio. — 2. Ĉeĥo (bohemo). — 3. Publika lernejo elementara (5 klasoj). — 4. En mia klaso ĉiujn. — 5. Kun kolegoj de slavaj kaj germanaj nacioj, kun japanoj. — 6. Bohemaj (kaj moraviaj) »fratoj«, puritanoj, buddhanoj. Pri Comenius. Religio kaj lernejo. — 7. Al tiuj, kiuj ne scias lingvon ĉeĥan aŭ germanan ebligi kaj faciligi libertempan loĝadon en la mineralakva kaj klimata banurbo Luhačovice (en Moravio). — 8. Kolektas ilustritajn lernolibrojn de geografio. Deziras ricevi tradukojn de geografiaj artikoloj pri la imperio Aŭstrio-Hungario (el diverslingvaj lernolibroj de geografio).

Ekzemplo II-a: S-o Hansen C. W., profesoro, R . . . kjöbing, str. Noerebrogade, 33b, Danujo. — 2. Dano. — 3. Gimnazio. — 4. Geografio, historio. — 5. Gekolegoj bulgaraj, polaj, slovakaj, italaj, hispanaj, ĥinaj. — 6. Lerneja higieno. Elfosaĵoj en Babilono kaj Malgranda Azio. Vojaĝado kun lernantoj. — 7. Tradukoj el danaj gazetoj pedagogiaj kaj historiaj. — 8. Pasigi libertempon en Anglujo aŭ Hispanujo, en Kaŭkazo aŭ Mezopotamio.

*

**Redakcio kaj administracio** de la I. P. R. troviĝas en *Bystřice-Hostýn, Moravio, Aŭstrio.* — Jara abono por nemembroj de la I. A. I. = 1·5 Sm. Oni pagu per poŝta mandato aŭ ĉeko. — Poŝtaj markoj *ne estas* akceptataj por la pago de l' abono aŭ membra kotizaĵo.

**Avizoj de la redakcio.** Nepresitajn manuskriptojn ni resendas nur tiam, se oni aldonis necesan poŝtpagon por la resendo. — La redakcio konservas por si la rajton korekti laŭ bezono la manuskriptojn. — Represoj kaj tradukoj de niaj artikoloj estas permesataj, se ili ne estas speciale rezervitaj. Sed oni ĉiam citu nian revuon kaj sendu al ni, se eble, almenaŭ 1 ekz. de la tradukaĵo aŭ represaĵo. — En la fako »Bibliografio« estos registrataj sole tiuj libroj aŭ gazetoj, kiuj venis en 2 ekz. Recenzataj estos tiuj verkoj (en kiu ajn lingvo), kies enhavo koncernas nian programon. — La redakcio respondas letere aŭ poŝtkarte nur tiam, se oni aldonis por la respondo poŝtan markon, bileton aŭ karton.